# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz;
Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600
Muriedas; Cantabria;
liven@wanadoo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-2552-61-0204011.961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



**62a Hispana Kongreso**

**15a - 20a de julio**

# Esperanto-retkurso en neesperantuja retpaĝaro

**Ofte ni penas diskonigi nian lingvon per niaj solaj malfortaj rimedoj rudimentaj; malofte venas en nian kapon la ideo kunlabori kun neesperantistaj medioj kiuj efike komplementu nin. Malpli ofte, neesperantistaj medioj venas nin por peti kunlaboron. Malpliege ofte, tia kunlaboro celas ĝuste kion ni bezonas kaj ne povas atingi solaj.**

MailxMail estas hispanlingva (tamene de la nomo) retejo kiu ofertas al siaj vizitantoj senpagajn plej diversajn kursojn, inter kiuj lingvajn. Simpla sistemo: sufiĉas retadreso kaj pasvorto, kaj poste elekti la deziratajn kursojn. La retadreso de la ejo estas *mailxmail.com*. Laŭ nia scio ili agas honeste, kaj nenion ajn sendas al aniĝintoj, krom la lecionoj de la elektitaj kursoj.

Pasintan junion, responsulo de MailxMail kontaktis la Federacion. Li, surprizege al ni, petis de HEF Esperanto-kurson por oferti en la retpaĝaro. La postuloj estis simplaj, tamen iom katenaj: 25-leciona kurso kun lecionoj maksimume 400-vortaj.

Unue endis viziti la retejon kaj provi alilingvajn kursojn. Amuze. Vere amuze, pretendi lernigi la anglan per manpleno da retmesaĝoj, kompreneble sen ajna klarigo pri prononcado. Eĉ kursoj de sone pli logikaj lingvoj, kiel la itala, estas apenaŭ supraĵaj enkondukoj por gustumigi. Ankaŭ la italan ne eblas findinde lerni tiel. Ĉu iun lingvon eblas? Jen ideala medio por Esperanto. Ni scias, ke la ecoj de nia lingvo ebligas veran memlernadon, do 25 400-vortaj lecionoj niakaze sufiĉu ne nur por gustumigi, sed por enkapigi, kun ioma kunlaboro de la lernanto.

Manke de jam preta kurso de tiaj ecoj, Ana Manero diligente verkis ĝin, bazita sur la lernolibro "Esperanto. Curso del idioma internacional" de Miguel Gutiérrez Adúriz, kaj el jama materialo publikigita de la Federacio en *www.esperanto-es.net* kaj *www.esperanto.es.org*. Bedaŭrinde HEF disponas nur, krom pluraj ankore nerealigataj planoj, tiel nomatan "distan" kurson, tio estas, kurso (ret)poŝta, kun poŝvortaro, libroj, memfaritaj kasedo kaj ekzercaro. La ekzercojn eblas sendi, kaj la korektojn ricevi, poŝte aŭ retpoŝte. Tio estas ĉio. Ĉar adapto de tia materialo postulus longan laboron, la decido estis kompili el jamaj

dokumentoj 25-lecionan priskribon de la lingvo, kun ekzemploj. Pro neeblo malpligrandigi iujn lecionojn sub la 400-vorta limo, la kurso fine iĝis 27-leciona. Jen la hispanlingva enhavo:

Capítulo 1: ¿Qué es el esperanto?
Capítulo 2: Pronunciación
Capítulo 3: La sílaba, el acento, el saludo
Capítulo 4: El sustantivo, el adjetivo, el plural, el artículo
Capítulo 5: Los pronombres personales, los pronombres y adjetivos posesivos
Capítulo 6: Los grados del adjetivo
Capítulo 7: La negación, las preguntas, el adverbio
Capítulo 8: El verbo (formas simples)
Capítulo 9: Formación de palabras, orden de la frase
Capítulo 10: Los prefijos
Capítulo 11: Los sufijos (I)
Capítulo 12: Los sufijos (II)
Capítulo 13: El acusativo
Capítulo 14: Los números
Capítulo 15: Interrogativos y relativos
Capítulo 16: Las preposiciones (I)
Capítulo 17: Las preposiciones (II)
Capítulo 18: Las preposiciones (III)
Capítulo 19: Las preposiciones (IV)
Capítulo 20: La conjunción y la interjección
Capítulo 21: El reflexivo, la hora
Capítulo 22: Participios verbales




Capítulo 23: Verbos (formas compuestas)
Capítulo 24: La oración pasiva
Capítulo 25: Más sufijos
Capítulo 26: Refranes, tacos, insultos
Capítulo 27: Tabla de correlativos

Videble maltipa ĉar, jam dirite, ĝi estas ne vera kurso sed priskribo de la lingvo kun multaj ekzemploj. Sed nia lingvo kapablas senhonte prezenti sin ankaŭ tiele. Kaj sukcese. En la unuan lecionon ni metis retligilojn al la Federacio, al fidindaj lokoj kiaj *esperanto.net*, kaj al adresaroj kiaj *dmoz.org/World/Esperanto/*. Por la dua leciono ni verkis simplan priskribon, kiel uzi la Esperanto-literojn en komputiloj, kun ligiloj al certaj paĝoj de Bertilo Wennergren (*www.bertilow.com*).

Pro la Esperanto-literoj, por eviti fuŝojn de la teknikistoj ĉe MailxMail, ni ne sendis la malnetan dokumenton, sed ĝin prilaboradis mane por krei puran HTML-dokumenton (por fakuloj, laŭ

**Kovrilo**: jen pelmelo da bildoj kiuj montras la viglecon de nia movado... malgraŭ ŝajnoj!

Hundo bojas, homo vojas.

signokodo Unikodo kaj kodprezento UTF-8). Tiel la teknikistoj devis nur preni nian tekston kaj sentuŝe uzi en ĝi siajn ŝablonojn (fake, stilfoliojn) por aliaspektigi. Atuto de nia flanko, kio malebligis multajn antaŭvideblajn erarojn pro manipulado de Esperanto-teksto far neesperantistoj.

Interesa flanka frukto de nia kunlaborado kun MailxMail-teknikistoj estas, ke ili mem petis de ni konsilon, kiun programon uzi por komforte prilabori plurlingvajn HTML-dokumentojn. La sukceso kaj facilo krei Esperanto-kurson, kun specialaj literoj, emigis ilin ekentrepreni kurson en la rusa, kaj poste en la araba! Ni sendube proponis al ili la bonegan programon UniRed, verkitan de nia rusa samlingvano Jurij Finkel: *www.esperanto.mv.ru/UniRed/UTF8/*. La programo estas Vindoza; por la sistemo GNU/Linukso ni rekomendis aliajn. La rekomendo pri UniRed estis tiom sukcesa, ke ili sendis dankan kaj al ni ĝojigan mesaĝon informantan, ke graŭ tiu bonega programo ili jam prilaboras la rusan kurson.

La 16an de oktobro fine lanĉiĝis la kurso. La 75.000 lernantoj de MailxMail ricevis retleteron informantan pri la nova Esperanto-kurso... plenplenan de la ĉiamaj kliŝoj: batalo kontraŭ Babel-turo, Esperanto kiel miksaĵo de lingvoj, Esperanto celanta unuecigi, iu Zamenhof fulmrapida inventinto el fabelo... Nepardoneble ni ne antaŭatentis, ke la responsuloj de MailxMail bezonos ian enkondukan tekston por lanĉi la kurson al sia lernantaro; kaj ŝajne neniu el ili opiniis ĝin sufiĉe grava por peti ĝin de ni. Kiel foje okazas en nia rondo, tioj solaj ke ilia opinio pri Esperanto estas favora, kaj ke ili iel volas apogi nian aferon, ne signifas, ke ili kapablas informi pozitive pri ĝi.

Ricevinte tian amasmesaĝon, ni tuj reagis rekte al la responsulo, trankvile atentigante pri la pruveble senbazaj kliŝoj dissemataj en la teksto, kiujn ni delonge evitas en nia publika prezentado. Ni sugestis, ke ŝajne ili prenis tiajn misinformojn el persona retpaĝo aŭ nefidinda enciklopedio (cetere, eĉ la fama Microsoft Encarta apenaŭ atentas pri Esperanto, kaj krome diras pri ĝi gravajn malĝustaĵojn). Ili honeste pardonpetis, kaj klarigis, ke hasto igis ilin preni sen konsulto ian ajn informon pri Esperanto kiun poste ili mem reverkis. Ili ofertis sin por laŭeble ripari la mison.

Sed la miso estis neriparebla. Almenaŭ la fiksan priskribon de la kurso en la retejo estis pozitivige ŝanĝita de ni. Ili same bonvole kaj same mise estis verkintaj strangan teksteton kiu neeviteble kreis la tipan bildon de Esperanto pri nenatureco kaj opono al la ceteraj lingvoj. Anstataxue, ni proponis jenon (hispane, kun la nomo de nia lingvo minuskla, kio estas la pli natura maniero en la hispana): "La internacia lingvo Esperanto estas plurfoje oficiale apogita de UNESKO, kiel efika ilo, komunika kaj kultura, inter homoj de malsamaj denaskaj lingvoj.

Lingvo neŭtrala kaj facila por ĉiuj, Esperanto iĝas pli kaj pli aktiva, ankaŭ en Interreto. Provu mem per ĉi tiu senpaga baza kurso."

Profitante la oferton ripari la mison, ni proponis novan kurson iom pli altnivelan, kun ekzercoj. Kompreneble nia oferto estis varme akceptita. La tasko pluas.

Mi ne povas dubi, ke bona, pozitiva kaj senkliŝa prezentoteksto emigus pli da homoj aniĝi la kurson. Malgraŭ ĉio, jam dum la unuaj tagoj pli ol 1.000 homoj aniĝis. Verkante ĉi tion, mi konsultas la retejon kaj kontrolas: jam 1.505 lernantojn. La kreskado malrapidiĝis. La leciononon 28an ni, ne senpene sed ne senfrukte, diligente enkapigis, tio estas, pri la lanĉo de la nova kurso "Esperanto II" scios pli ol 75.000 homoj, per pozitiva kaj zorge verkita retletero.

Dume, tre helpos kunlaboro de ĉiuj per... amasa gustumado! Ĉiaj kritikoj (de tajperaroj ĝis alistrukturigo) helpos plibonigi la kurson, kaj pli trafe verki la duan parton. Koran antaŭdankon.

*Marcos Cruz*

*marcos@independiente.net*

---

Laŭ decidite (Boletín 355, 2a paĝo), nia estrarano Pedro A. Garrote estas la nova kotizperanto de UEA en Hispanio, funkcio farita de la CO de HEF dum la lastaj jaroj.



De nun, do, sendu viajn kotizojn por UEA, viajn abonojn por "Esperanto" kaj "Kontakto" kaj viajn UK-aliĝojn ne plu al la konto de HEF sed al la nova

## Peranto de UEA

**Pedro A. Garrote**

**Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid**

**Konto: 0030 6002 74 0000901271;**

**Banco Español de Credito (BANESTO); Valladolid**

**Retadreso: pgarrote@eurociber.es**

# Pendanta flago



Centojn da laborhoroj dediĉas la Estraro de Hispana Esperanto-Federacio al solvado de plej diversaj demandoj rilate al al funkciado de la Asocio. Multaj el la plenumitaj taskoj restas "nevideblaj" por la membraro, kvankam evidentas, ke se oni ne plenumus ilin, la Asocio ne povus funkcii. Aliaj taskoj estas sufiĉe gravaj por diskonigo, kaj, fakte, oni povas legi pri ili en la raportoj de la estrar-kunsidoj.

Lastatempe okazis, ĉe la Estraro, diskuto kiu rilatas al la uzo de "la flago" ĉe la HEF-sidejo, kaj ŝajnas al mi interese informi la membraron pri la rezulto de la vigla debato estiĝinta.

Al la Estraro venis propono por uzo de la esperanta flago ĉe la fenestro de la HEF-sidejo, ne fiksita sur la vitro sed pendanta de masto, kiel ĝin havas ambasadejoj. Per tio oni celus atentigi la preterpasantojn pri la ekzisto de esperantejo.

Nu, la Estraro devis preni decidon kaj, kaze de favora sinteno, peti la koncernan permeson de la madrida Magistrato.

La fina rezulto estis malfavora. Jen ĝi: 5 kontraŭaj voĉoj, kaj 3 favoraj. Tamen, la debato naskis alternativan solvon, nome: havi afiŝon en la doma enirpordo sur kiu aperu: plena nomo, logoo kaj ekzakta situo de la oficejo (etaĝo/pordo).

Inter la argumentoj prezentitaj por rifuzi la sugestitan proponon estis jenajn: Ni ne estas ambasadejo. Ni ne estas "Esperanto", sed "Hispana Esperanto-Federacio". Flagoj kaj identecaj simboloj utilas fortigante la identecon kaj memestimon de la membroj de la koncerna komunumo, sed samtempe malutilas levante barojn inter tiu komunumo kaj la cetera mondo. Kaj se ni servas la homecan celon salti la barojn komunikajn, kial levi alispecajn barojn? Cu vere ni bezonas "fortigon de memestimon" je tiu kosto? Des pli, kiam ni urge bezonas liberajn ne trabaratajn vojojn al "ekstera" mondo.

Tamen la plej konvinka argumento, por mi, estas tio ke flago pendanta de tria etaĝo en tre mallarĝa strato tute ne videblas, kaj tial la propono fariĝas sensenca. Kiu paŝas ja rigarante al la nuboj? Eble nur ni, la esperantistoj, kaj eble tiusence la flago helpus trovi la ĝustan situon de la oficejo.

*Miguel Gutiérrez*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

La 2an de oktobro Nicolas Salas, unu el la plej prestiĝaj andaluzaj ĵurnalistoj, informis sur kompleta paĝo de la ĵurnalo "Diario de Sevilla" pri la demarŜoj faritaj de Juan de Dios Montoto de Sarria, sevila esperantisto, por kolekti informojn pri la historio de Esperanto en ĉi andaluza urbo. La titolo de la artikolo estis "Recuperar el Esperanto" kaj en ĝi aperis, krom malgranda raporto pri la historio de la E-movado en Sevilo ekde la jaro 1911 ĝis 1932, kvar grandaj fotografaĵoj de la sevila tiutempa esperantistaro.

La ĵurnalisto diskonigis, fine de la artikolo, la telefon-numeron de Juan de Dios por la eblaj legantoj, kiuj posedas informojn pri la movado en Sevilo dum tiuj jardekoj, aŭ konas la nomojn de la personoj aperantaj sur la fotografaĵoj.

*José María Rodríguez*

**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

**Valencio**

**15a ĝis 20a de julio 2003**

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

## Asturio

Dum la kongreso de sindikata nacia organizaĵo CNT, okazinta la 1an, 2an kaj 3an de novembro en Candás (Asturio), la Esperanta Laborgrupo de la sindikato starigis budon por informi al multaj el la 500 partoprenintoj pri la internacia lingvo, ĝia lernado kaj organizaĵoj.

Ankaŭ oni profitis la okazon por disvendi "adurizajn" lernolibrojn, kaj ekzemplerojn de la ĵus aperinta vortaro "2002".

Multaj informitoj montris intereson pligrandigi sian etan konon pri E-o, kaj

tiucele pluraj el ili aliĝos al la laborgrupo.

*J.M. Salguero*

# Ekstremaduro

* José María Salguero prelegos pri E-o kaj internaciaj lingvoj la 12an de novembro en Fakultato pri Filozofio kaj Beletroj. Lia prezento estos unu el la programeroj el "Jornadas Sociales", aranĝo organizata de CNT-anoj, studentoj en universitato de Extremadura (Cáceres).

*Kani*

* La Esperanta Laborgrupo de sindikata organizaĵo CNT organizos sian 4an Renkontiĝon en Hervás (Cáceres) dum la 6a, 7a, 8a kaj 9a de decembro. La plej granda parto de la ĉeestontoj estos grupo de homoj pretaj lerni la lingvon.

*J.M. Salguero*

# Eŭskio / Vaskio

* S-ano Patxi de la Hoz prilaboras la estontan ttt-paĝaron de la E-Grupo de Bilbao.

* Kiel kutime la Asocio partoprenos la kristnaskan loterion, cxi foje per la numero 48.759. La prezo estas 2,50 eŭroj, kaj oni partoprenas per 2 eŭr.

* Joxemari Sarasua, Prezidanto de la E-Grupo de Bilbao kaj Iñaki Velez renkontiĝis kun Miguel Gutiérrez,



La interretaj paĝoj de CNT informas en Esperanto...Jen brava apogo. Kion faras la ceteraj sindikatoj?

HEF-respondeculo pri eldonado, kun la celo prepari venontan numeron de la libro-serio Hispana Literaturo. La volumo estus prezentita en la kadro de la venonta Eŭropa Kongreso, okazonta en Bilbao en la jaro 2004.

# Kantabrio

* Kantabra E-Asocio partoprenas, kiel ĉiujare, la kristnaskan loterion, en ĉi okazo per la numero 65.677. ĉiu bileto kostas 2,50 eŭrojn (0,50 estas donaco).

* La Asocio havas novan pli modernan komputilon, fakte donacitan de ne mebro. Dankon al José Mariano Gutiérrez.

* Post longa periodo reaperis la 4-paĝa cirkulera ligilo de la Asocio, nun sub la nomo "Saluton!". La du numeroj nove aperintaj estis redaktitaj de nia samideano Juan Azcuenaga Vierna, iama

ĉefdelegito de UEA. Cetere, en la dua numero aperas la kunvokoj al Ĝenerala kaj Eksterordinara Kunsidoj de la Asocio.

# Kastilio-Leono

* La 3an de oktobro la valadolidaj e-istoj rekomencis siajn ĵaŭdajn kunvenojn en *Centro Cívico el Campillo.*

# Katalunio

* D-ro Corsetti vizitis en Barcelono la sidejon de Barceola E-Centro, interparolis pri la ebleco de nova Universala Kongreso en Hispanio en la jaro 2006, kaj interesiĝs pri la rilatoj de la Esperanto-asocioj de Barcelono, nun tre bonaj, kun la urbodomo kaj la aŭtonoma registaro de Katalunio.

*S. Aragay*

* La 17an de novembro, babilado organizita de KAE, ĉi okaze en Barcelono. La temo "Afriko — Eŭropo", kun posta kunmanĝado de la partoprenantoj en la restoracio *Balcón de Horta*.

* Kurso en *Centre Civic de la Concordia*, Barcelono, lunde kaj ĵaŭde.

* Kristnaska loterio de KAE: numero 33.707. Oni pagas du eŭrojn kaj partoprenas per 1,70.

* La 15 de decembro okazos zamenhofa festo en Badalona. Informas BEC.




Someraj Dialogoj en la E-restadejo organizitaj de Barcelona Esperanta Centro por festi sian 25an jubileon.

Esperebe plia punkto en la mapo de kunvenoj por venontaj jaroj.

* KAE organizis ekspozicion en *Casal Pere IV* pri pentraĵoj de Maria Rosa Vives, sub la temo "Hororoj de naziismo". Malfermis la aranĝon la urba skabeno pri kulturo kaj ĉeestis la Prezidanto kaj Vicprezidanto de *Amical Mauthausen*. Samtempe Rosa Torán prezentis sian verkon *Vida i mort dels republicans als camps nazis* (Vivo kaj morto de la respublikanoj en la naziaj koncentrejoj).

* La 1aj Someraj Dialogoj, organizitaj de BEC por festi sian 25an datrevenon, okazis en la E-restadejo de *Monistrol de Montserrat* la 6an, 7an kaj 8an de septembro. Ĉeestis 20 homoj. Prelegis s-ino Rafaela Urueña, s-ro Luis Hernández, s-ino Gisele el Francio kaj s-ro Giordano Moya. Cetere vizitis la urbeton kaj la monaĥejon de Montserrat.

### Korektoj en Boletín 357

* Bedaŭrinde forfalis sur paĝo 30a la nomo de samideano José María Salguero kiel donacinto de la libroj: *Ano de l' ringludo*, kaj *La nekonatino*.

* Samideano J.M. Salguero atentigas nin, ke la homo aperanta sur la foto de la 18a paĝo kiel K.B., ĝenerala sekretario de SAT, ne estas la vera sekretario. Ĉu iu povas senvualigi la misteron?

## Murcio

En oktobro aperis la lasta numero Kajero de la Sudo. Trovu ĝin ĉe: www.iespana.es/Esperanto/k55.htm

*Jesuo de las Heras*

## Tutlande

* Kadre de sia angulo "Koni, Scii pli?", kiu klopodas doni respondon al plej diversaj kuriozaj demandoj de la legantoj, la semajna ekstraĵo "El Semanal" (n-ro 783; 10-27 ĝis 11-02), kiun ĉiudimanĉe oni disdonas senpage kun la tutlande legataj ĵurnaloj de la entrepreno "Correo", respondas, sufiĉe detale, en duono da paĝo al la demando "Kiu elpensis Esperanton?", farita de Miguel Navarrete el Kadizo (vd. apude).

*Luis Hernández*

* En la fina parto de *Ciberpaís*, suplemento de *El País*, kie oni mencias diversajn ttt-paĝojn, aperas mencio pri kurso de esperanto en <http://ttt.jubilo.ca/esperanto/>

Listo de retaj kursoj en: <http://ttt.jubilo.ca/esperanto/es/kurso.asp>

*Toño del Barrio*

**¿Quién inventó el esperanto?**

MIGUEL NAVARRETE. CÁDIZ.

Este idioma lo creó Lejzer Ludwik Zamenhoff (1859-1917), médico oculista ruso-polaco, de ascendencia judía. Viendo que el origen de los enfrentamientos entre sus vecinos polacos, rusos, alemanes y lituanos, entre otros, eran las diferentes lenguas que se hablaban en Varsovia, pensó que, si existiera un idioma universal, se daría un gran paso hacia la paz. Zamenhoff se puso manos a la obra y en 1887 publicó su primera gramática de la *lingvo internacia* (lengua internacional). El librito, que firmó con el pseudónimo Doktoro Esperanto para salvaguardar su prestigio, incluía un cupón, que debía ser remitido y firmado por los lectores que se comprometían a aprender el nuevo idioma. Aproximadamente, el 70 por ciento de su léxico proviene del latín y de las lenguas romances, y resulta fácil de aprender: sólo tiene 16 reglas gramaticales y ninguna excepción, y su vocabulario está tomado de las lenguas más difundidas. El sueño de este doctor nunca se hizo realidad, aunque se resiste a morir. Hoy lo emplean como lengua auxiliar tres o cuatro millones de personas, aunque los más optimistas hablan de 30 millones de esperantistas en el mundo. Se enseña como lengua optativa en 109 universidades, entre ellas las españolas de Valencia y La Laguna (Tenerife), y es empleado por algunas firmas comerciales y en congresos internacionales. Además, existe toda clase de literatura escrita en esperanto, así como traducciones, revistas, folletos y páginas en internet.

**Fácil de aprender, lo hablan miles de personas**



# 10a Internacia E-Semajno



En la turisma urbo Cambrils (Taragono) okazis, de la 19a ĝis la 26a de oktobro, la 10a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo.

Partoprenis 65 geesperantistoj kaj la programo estis jena:

Du tuttagaj ekskursoj, la unua al la urbo Gandesa, la dua al la urbo L' Espluga de Francolí kaj la dua al la Monaĥejo Poblet.

Prezentado de la libroj "Vortaro 2002" de M. Gutiérrez, "Esperantismo, prelegoj kaj eseoj" de G. Moya kaj "La nova plena ilustrita vortaro de Esperanto" reviziita de Duc Goninaz kaj eldonita de SAT.

Esperanto-kurso kaj E-ekzameno fare de s-ro Aragay. Kantado de "havaneroj" (tre popularaj kuba-katalunaj kantoj). Kvar treege altnivelaj prelegoj: "Esperanto kaj politiko" de Luis Serrano, "Unu jarcento de Esperanto en Katalunio" de A. Marco Botella, kaj "Aktuala nefacila vojo" de M. Rafaela Urueña. Ĉi prelegon devis legi s-anino Maria Ferigle, pro la neĉeesto de la verkistino. Aparte interesa estis la partopreno de d-ro Renato Corsetti, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, kiu prelegis pri la temo "UEA, faktoj kaj celoj".

La prelego de d-ro R. Corsetti estas esenca por kompreni, sen konfuzaj kaj metafizikaj vortoj, la sintenon de UEA en la aktuala Esperanto-Movado, kaj la veran situacion de nia kara internacia lingvo en la tuta mondo.

La 26an matene, s-ro Luis Serrano fermis la 10an Internacian Semajnon de Kulturo kaj Turismo kaj emocie adiaŭis "ĝis la 11a!".

*Salvador Aragay, Prezidanto de BEC*

# Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo



Gajaj homoj el Kongo, Mongolio, Albanio, Litovio, Hispanio, Pollando,

En nia movado ekzistas diversaj gravaj kulturaj, sociaj kaj aliaj, instancoj, kiel radioelsendejoj, muzeoj, ripozlokoj, ktp, kiuj ege multe laboras kaj klopodas disvastigi nian lingvon kaj kulturon, kelkaj el ili en risko malaperi. En (Bydgoszcz) Pollando funkcias unu el la plej eksterordinaraj. Temas pri Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo.

Ĉi institucio montras ke pere de Esperanto eblas studi profesion, kaj akiri oficialajn diplomojn kaj titolojn kiuj rajtigas labori plenrajte en diversaj kampoj. La instruado okazas en Esperanto, kaj la lernantaro (pasintjare ĉirkaŭ 180 gestudentoj el 11 landoj, ĉijare ĝis nun pli ol 100 el 6 landoj) unue lernas la internacian lingvon por poste uzi ĝin en la aliaj studobjektoj.

Kiam la lernantoj finas, ili revenas al siaj landoj por tie labori en la ĵus lernitaj fakoj, alportante siajn titolojn subskribitajn de la Internacia Akademio de la Sciencoj de San Marino (bakalaŭro kaj magistro). Eblas eĉ poste sekvi studojn por doktoriĝo, en Esperanto.

Profesoroj de la studumoj estas kompetentaj kaj prestiĝaj, alvenantaj el la tuta mondo. La kvalito de la instruado estas tre alta. Ne ekzistas nuntempe en nia movado similaj edukcentroj, kie la oficiala lingvo estas Esperanto, kaj kie amaso da junuloj uzas ĝin en la klasoj, ĉekoridore, en la kafejo kaj surstrate.

Indas do diskonigi ĉi edukcentron pere de niaj gazetoj, radioj, kaj ĉe niaj klubejoj.

Cetere, mi invitas ĉiujn interesiĝantoj, ne nur tiujn kiuj volus aliĝi al la kursoj, sed ankaŭ samideanojn kiuj deziras fari nur viziton por ĝui la E-etoson, aŭ partopreni la konstantajn kursetojn kaj seminariojn daŭre organizitajn por la gelernantoj, kaj, tamen apertarj al ĉiuj. Kaj, ĉefe, ĝui la kontakton kun la junaj gestudentoj en ege internacia E-etoso, kaj plibonigi la propran lingvonivelon. Tie vi trovos, eble la ununuran lokon kie eblas konstante, ĉiutage dum tuta jaro, paroli kun ĉiuj en Esperanto.

Ĉi septembre mi komencis instrui ĉiutage en Bydgoszc Esperantan kaj hispanan lingvojn, kaj mi laboros ĝis aprilo 2003, simile kiel Trevor Steele -nuna Direktoro de CO de UEA instruis tie antaŭ kelkaj jaroj.

*Augusto Casquero*

# Esperanto en la universitaton

Jam la kvaran jaron, la Kataluna organizacio Kultura Asocio Esperantista (=KAE) aranĝis oficialan Esperanto-kurson en la Aŭtonoma Universitato de Barcelono.

Nunjare, nome en 2002, la menciita Esperanto-kurso, kies klasojn oni gvidis marde kaj ĵaŭde po du horoj, entute dum 30 horoj, komenciĝis la 15an de oktobro kaj finiĝs la 3an de decembro. Tiujn Esperanto-klasojn ĉeestis entute 16 ge-universitatanoj diversurbaj.

Kiel en pasintaj jaroj, post skrupule serioza Esperanto-ekzameno finkursa, la sukcesintaj gelernintoj rajtis ĝui tri kreditojn, oficiale validajn por la ĝeneralaj ekzamenoj de tiu Barcelona Universitato.

Fine, kej ne malpli raportinde, estas ja pliafoje mencienda, aparte de la ĉiam tre valora apogo de HEF, la granda tasko tiurilate entrepenita de du entuziasmaj KAE-membroj, nome: la kursgvidanto, s-ro Martí Guerrero i Cots kaj la kursorganizanto, s-ro José María Galofré Domingo, danke al kies senlaca strebado fariĝis realo tio, kion longatempe ambicias la tutamonda esperantistaro, nome: oficiale instrui la Zamenhofan lingvon en universitato!

*V. Hernández Llusera*

# Fondo de grupo SAT-en-Hispanio


Hispanaj esperantistoj en la SAT-kongreso okazinta en Alakanto

Dum la lasta kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) en Alikanto, pluraj ĉeestantoj venantaj el Hispanujo kunvenis por diskuti la staton de la laborista Esperanto-movado en nia lando. Ni konstatis ke necesas asocio kiu agu nome de SAT en Hispanio, propagandu Esperanton en la hispana laborista medio kaj varbu por SAT inter la hispanaj esperantistoj. Tiuj ĉi estas la celoj de la ĝenerale nomataj LEAoj, laboristaj E-asocioj rilataj al SAT. Ĉar laŭ nia opinio la ĝisnuna hispana LEAo, HALE, ne plenumas nuntempe tiun ĉi celon, grupo da samideanoj decidis formi novan organizitan strukturon celantan kunordigi la personojn loĝantajn en Hispanujo, kiuj membras en aŭ sin sentas proksimaj al SAT. La nomo de la grupo estas simple SAT-en-Hispanio.

La celoj de SAT-en-Hispanio estos la ĵus menciitaj: informado pri Esperanto en laboristaj medioj, kunordigado de agadoj en medioj proksimaj al la ideoj de SAT, apogo al tiu ĉi organizaĵo inter la hispana esperantistaro.

En SAT-en-Hispanio povas membri personoj kiuj sentu sin proksimaj al la ideoj de SAT, ne estante membroj de tiu organizo. Kaj povas ankaŭ okazi ke hispana SATano ne estu ano de SAT-en-Hispanio, se li/ŝi ne deziras.

Aliparte, la organizaĵo tute konformos al la sennacieca karaktero de SAT.




La rilato al Hispanio havas nur praktikan valoron, ĉar ĝi taŭgos por kunordigi agadojn en tiu ĉi regno. Ĝi tamen kunlaboros ne nur kun SAT mem, sed ankaŭ kun aliaj asocioj rilataj al ĝi en aliaj landoj. Ĝi ankaŭ estos malferma al la partopreno de ĉiuj personoj kiuj deziros kunlabori, sendepende de la nacieco: ne gravos ĉu ili ne estas hispanoj, aŭ ne sentas sin tiaj.

Krome, la grupo estos malferma al ĉiuj ideologioj ĝenerale troviĝantaj en la sino de SAT, kaj al ĉiuj progresemaj ideoj. Ĝi ne estos la medio por kvereli inter ni, sed por kunlabori cele al la progreso de la tutmonda laboristaro, almenaŭ per la fortoj kiujn ni havos.

Fine, ni estas malfermaj al la kunlaboro kun la ceteraj esperantistaj asocioj jam ekzistantaj en Hispanujo kaj aliloke, en ĉio kio estas komuna al ni.

En tiu ĉi momento SAT-en-Hispanio ne havas estraron, nek fermitan organizacion, eĉ ne kotizon; ĉio ĉi havos sian postan momenton. Se iu el la legantoj estas interesita en la kunlaboro en la grupo, li aŭ ŝi povas skribi al nia retadreso satenhispanio@eresmas.com. Oni ankaŭ povas kontakti la antaŭan aŭ la novan perantojn de SAT en nia lando, Marteno Bustín kaj Pedro A. Hernández (poŝta adreso: Sáinz de Baranda, 44, 3° D, Madrid), aŭ min mem, Toño del Barrio, kiu provizore servas kiel kunordiganto de la afero.

Ni petas vian kunlaboron en la antaŭenigo de la progresemaj ideoj en la Esperanto-movado kaj de Esperanto en la progresemaj medioj. Ni esperas esti kapablaj disvolvi taŭgajn agadojn en tiu direkto. Ni bonvenigas ĉiujn viajn ideojn kaj iniciatojn.

*Toño del Barrio*

## Nekrologoj

* La 3an de julio 2002 Antonia Galbany de Criach forpasis la 3an de julio 2002, kiam ŝi aĝis 95 jarojn. Ŝi, kune kun sia edzo, animis dum jardekoj la E-movadon en Sabadell. Ŝi estis dumviva membro de HEF, same ŝia filino Pepita, al kiu ni esprimas nian plej sinceran kondolencon.

* Forpasis nia veterana samideano Venancio Monsalve de la Cruz (EM-539). Li aĝis 89 jarojn kaj loĝis en Madrid. Nian plej sinceran kondolencon al la familio.

12. 2002

## Okaze de la 150a naskiĝdatreveno



# Leonardo Torres Quevedo



Ni omaĝas hodiaŭ la figuron de unu el la plej elstaraj intelektuloj de la ĵuspasintaj tempoj, la esperantisto Leonardo Torres-Quevedo (1852-1936). Eksterordinara inĝeniero kaj matematikisto li inventis kalkulmaŝinon kapablan solvi ĉian alĝebran ekvacion kaj eltiri per ĝi sukcesajn rezultojn. Li estis vera antaŭulo pri la aŭtomata kalkulado, kaj estis li la unua homo uzanta la hercajn ondojn por gvidi aparato-movojn longdistance.

Inter aliaj multnombraj mirindaj konstruaĵoj kaj inventoj li konstruis la aertransportilon ĉe la kaskadego Niagaro, 580 metrojn longan, tiamaniere konceptitan, ke rompiĝo de unu el la kabloj tute ne modifas la streĉon de la aliaj bezonatajn por la ĝusta funkciado. Li ankaŭ kunlaboris kun Juan de la Cierva en la projekto por la konstruo de la unua aŭtoĝiro, kaj mem konstruis aerostaton dotitan de instrumento kiu ebligis same la rigidan kiel la flekseblan aernavigadon.

Lia aktivado kiel esperantista simpatianto jam komencis je la unuaj jaroj de la 20a jarcento: la anekdoto okazis en Bilbao en 1906 kie la unuaj vaskaj esperantistoj pretendis fondi Esperanto-rondon, sed la ĝenerala opinio ne montriĝis tre favora al nia afero. Torres Quevedo faris en tiu momento en Bilbao publikajn deklaraciojn favorajn al la internacia lingvo, kaj lia prestiĝo kune kun la efika propagando de la vaskaj esperantistaj pioniroj atingis pozitivajn rezultojn.

En 1922, prezento de dokumento de la Ligo de Nacioj al diversaj fakaj lingvaj asocioj por eventuala instruado de esperanto en la lernejoj donis kiel rezulton gravajn debatojn internaciskale. Torres Quevedo intervenis kiel sciencisto kaj esperantisto kaj oficiale proponis krei Komisionon de spertuloj en la sino de la Ligo de Nacioj por studadi kaj decidi tiel gravan temon, sed la propono per-




diĝis en senfinaj debatoj laŭlonge de kvin jaroj.

En 1925, en la Universitato Sorbono de Parizo, okazis la Konferenco por la uzo de esperanto en Sciencoj kaj Komerco. Prezidis ĝin Charles Richet, membro de la Franca Instituto, kune kun multaj gravaj sciencistoj. Reprezentis oficiale la hispanan registaron, kun Leonardo Torres Quevedo, du aliaj eminentaj sciencistoj ankaŭ esperantistoj, s-roj Vicente Inglada, profesoro de Astronomio, Geodezio kaj Meteologio kaj Emilio Herrera, Inĝeniero pri Aeronaŭtiko kaj eksterordinara matematikisto. Kvankam oni ne atingis la celon, la Konferenco taŭgis kiel propagando de Esperanto, ja ĉiuj plej gravaj ĵurnaloj de la mondo pritraktis frontpaĝe la temon.

Tuj post la Konferenco de Parizo kaj apenaŭ reveninta en nian landon, nia eminenta samideano eksciis, ke unu el liaj plej bonaj amikoj, D-ro Carlos Mª Cortezo, grava intelektulo, ministro, kaj prezidanto de la Akademio de Medicino, suferis gravan aŭtomobilakcidenton. Senprokraste li vizitis sian amikon en la hospitalo, kie ambaŭ konversaciis, interalie, pri la evoluo de Esperanto en la mondo. D-ro Cortezo montris grandan intereson por la internacia lingvo kaj petis al sia amiko esperantan gramatikon. Kiel resumo ni diru, ke D-ro Cortezo esperantistiĝis kaj unu jaron poste li ne nur facile parolis la lingvon sed eĉ fariĝis prezidanto de Hispana Esperanto-Asocio.

S-ro Torres Quevedo estis elektita, en la Sesa Hispana Esperanto-Kongreso okazinta en Madrido en 1926, membro de la Honora Komitato de "Instituto de Esperanto", organizo al kiu apartenis nur la esperantistoj eminentuloj pri Scienco, Arto kaj Beletro.

Samideano Leonardo Torres Quevedo, doktoro pri sciencoj, elstara esperantisto, forpasis en Madrido en 1936. Li estis dumviva prezidanto de la Akademio pri Sciencoj de Madrido kaj membro de la Hispanlingva Akademio. La hispanaj esperantistoj volas ekzalti lian figuron okaze de la 150a naskiĝdatreveno per tiu ĉi modesta artikolo, kiun mi plaĉe dediĉas al li.

*Antonio Marco Botella*

---




* Pola Radio aŭskulteblas per la reto: www.wrn.org/ondemand/poland.html

Oni bezonas la programon Real Player, kiun oni povas senpage akiri ĉe: www.real.com/

*Darío Rodríguez*

* La retkatalogo TROVANTO de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno enhavas nun jam 27500 rikordojn. Bonvenindas ofta enrigardo! www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm

*Helga Farukuoye*

* Pasis kvar monatoj ekde la momento, kiam komence de junio la retejo "Esperanto.net" estis refunkciigita sub la administrado de UEA. Dum tiu tempo en ĝi estis registritaj 125 mil vizitoj — averaĝe ĉ. 1000 vizitoj ĉiutage. Monaton post monato la kvanto de la vizitantoj kreskas kaj en septembro da tiuj jam estis ĉ. 32 mil!

Ĉe serĉado de vorto "Esperanto" la retejo estas montrata sur la unua pozicio de la plej grandaj serĉmaŝinoj kiel Google, AltaVista, Yahoo! kaj kelkaj aliaj.

La retejo nun prezentas informojn pri Esperanto en 57 lingvoj de la mondo kaj ilia nombro daŭre kreskas.

* Kompilita kaj subskribita de Gilbert R. Ledon, aperis "Aviada terminaro" kuneldonita de la aŭtoro mem kaj Gersi Alfredo Bays de la brazila eldonejo "Fonto".

La libro estas 288-paĝa kun 1000 terminoj, 23 ilustraj

platoj, aeronaŭtika vortaro angla-Esperanta kun 4000 esprimoj en 13 laŭtemaj ĉapitroj kaj "Baza aviada frazeologio".

* La 22an de septembro en Bydgoszcz, Pollando, eksterordinara Ĝenerala Kunsido de "Monda Turismo" (MT), konsiderinte la ekstreme malfacilan financan situacion de MT, decidis pravigi la decidon turni sin al juĝejo kun formala peto verdikti bankroton de MT, dissolvi la Asocion kaj komenci likvid-procedon samtempe kun la juĝeja

verdikto. Ĝis la juĝeja decido la asocion reprezentos W. D. Emler, R. Grzebowska kaj T. J. Kudrewicz. Plua kunlaborado de la eksaktivuloj de MT daŭros kadre de la amatora internacia klubo "Esperantotur" (sen jura personeco).







* La Urba Registaro de Poprad (Slovakio), dum sia kunsido de ĵaudon la 26an de septembro 2002, aprobis doni nomojn de la novkreitaj stratoj kaj de publika areo. La parko en centro de Poprad, ĉe Istrobanka, ricevis nomon laŭ la konata esperantisto Milan Zvara, kaj portos la nomon "Parko de Milan Zvara". Milan Zvara forpasis la 30an de januaro 2002. Li estis en tiu momento interlie Prezidanto de Slovaka Esperanto-federacio, kaj Estrarano de Monda Turismo.

Sur la foto li estas la dua sidanta de dekstre, dum mikologia kunveno, pri kiu li ankaŭ okupiĝis.

*Augusto Casquero*

* Pasporto al la Tuta Mondo estas 16 kolorplenaj 30-minutaj lecionoj, kiuj uzas rektan metodon (aŭdiĝas nur Esperanto) por esti uzeblaj ĉie en la mondo. La lecionoj havas ekstertempan econ, tiel ke ili senŝanĝe aktualos dum multaj jaroj. La amuza kaj daŭre evoluanta intrigo kaptos kaj retenos la intereson de studantoj. La lecionaro uzas desegnojn, fotojn kaj mapojn.

Stefan Mac Gill preparas por ĉiu leciono paroligajn kaj gramatikajn ekzercojn, kaj aperos akompana libro por helpi al ne "profesiuloj" instrui per ĝi, verkata de prof-o Duncan Charters.

La aktoroj uzas Esperanton tiel, kiel ĝi estas prononcata - ĉiam klare, ĉiam kompreneble.

*Lusi Harmon*



## Esperanto amikas

Kiam ni planis niajn feriojn, ni decidis vojaĝi al Rusio, fakte al Sankta Petersburgo kaj al Moskvo survoje al Helsinki. Nuntempa teknologio ebligis rapidan interŝanĝon de mesaĝoj, tiel ke peterburga samideano ricevis nin en la stacidomo je la alveno de trajno "Sibelius". Ni tuj rimarkis lin portantan afiŝon kun la vorto "Esperanto". Miaj amikinoj surpriziĝis kaj mi ĝojis pro tiel profitdona lingvo. Ni kunsentis renkontiĝon por la venonta tago en loko proksima al la sidejo de la esperanto-klubo "Espero". En la klubo ni restis dum du horoj kaj duono. Tie ni interparolis pri plej diversaj aferoj, ili regalis nin per teo kaj ni ĉiuj profitis kaj estis kontentaj pro tiel sukcesa kontakto. Cetere, ankaŭ mi deziras aldoni ke la prezidantino de la grupo, Anna Butrevic transdonis al ni plej sincerajn salutojn por Augusto Casquero (ili ja interkorespondas). Bedaŭrinde, pro manko da tempo, ni ne povis plenumi kontakton kun moskvaj geesperantistoj. Sendube, amuza kaj interesa sperto pere de esperanto.

*María Elvira*

FSE · ESF

## Alia Eŭropo eblas

En la Eŭropa Socia Forumo, okazinta en Florenco, la grupo SFE, Socia Forumo Esperanto, sub la devizo: "Kontraŭ ĉiu lingva egemonio, unu lingvo neŭtrala", ekspoziciis informmaterialon, redaktitan en ĉiuj oficialaj lingvoj de Eŭropo, kiun tre ŝatis la sieĝantaj junuloj kun peto de sciigoj kaj klarigoj. Konstanta alfluo ankaŭ ĉe la ekspozicio de E.R.A. (Esperanto Radikala Asocio), faksekcio de la Radikala Partio, kie eblis ekkoni la realon de la esperanta mondo per rigardo de plurlingva k-disko. Intensiva kurso de esperanto, farita de d-ro Ranieri Clerici, ebligis al la publiko ekaliri la lingvon por tiel konsciiĝi pri ĝiaj logikeco kaj facileco.

Esperanto kapablas kontribui al de la devizo de tiu ĉi Socia Forumo en Florenco: "Alia Eŭropo eblas".

*SFE pere de T. del Barrio*






Grupo de "simpatiaj" hispanoj en la Eŭropa kongreso de Verona

# "Euroscola"

Post la sukceso de la partopreno de klasoj de lernantoj de Esperanto en la tago "Euroscola" de la eŭropa parlamento en Strasburgo, nun malfermiĝas la ĉas-sezono por la klasoj, kiuj partoprenos venontan jaron.

La partoprenintaj klasoj ne rajtas partopreni duan fojon, do, oni devas serĉi aliajn klasojn en aliaj lernejoj.

Mi diru, ke kun konsterno la organizintoj rimarkis, ke el la tuta EU-landaro nur Francujo, Italujo kaj Svedujo sukcesis trovi klasojn por partopreni. La manko de hispanoj, germanoj, ktp. estis vere miriga.

La organiza laboro estas praktike farata de niaj francaj samideanoj, kaj la organiza ilo estas listo, kies nomon vi povas peti de UEA.

Kiel jam ĉi-jare limigita nombro da klasoj el la kandidataj landoj rajtas partopreni (ĉi-jare partoprenis litovoj, poloj, hungaroj, rumanoj kaj kroatoj).



Esperanto-lernantoj antaŭ la Eŭropa Parlamentejo en Strasburgo.

Ni volas kaj povas!

Moralo: filozofiumi pri la beleco de la ideo de Eŭropo estas facile, trovi klasojn, kiuj pretas lerni Esperanton, estas tre pli malfacile.

*Renato Corsetti*

## Recenzo

# Esperantismo

Esperantismo: prelegoj kaj eseoj

Aŭtoro: Giordano Moya Escayola

Eldono: BEC (Barcelona Esperanto Centro); junio 2002; Formato: 20 x 13 cm; Pagoj: 238; Prezo: 8 €




Por la personoj kiuj de antaŭlonge konas la esperantisman ideon kaj sintenon de la aŭtoro de ĉi tiu libro, S-ro Giordano Moya, kompreneble la enhavo de ĉi verko ne estas tute nova. Ne vane, la antaŭaj verkaĵoj, *La Homa vivaventuro*, *Esperanto en prospektivo*, *Survoje al universala civilizacio* eldonitaj de BEC kaj aliaj verkoj en kataluna lingvo, kune kun diversaj prelegoj de la aŭtoro, montras al ni ke oni estas antaŭ esperantista verkisto kiu el diversaj flankoj kondukas sian rigardon al celo bone difinita: Esperanto ne estas nur lingvo, sed se ni volas ke ĝi estu solvo por krei novan universalan civilizacion, ni bezonas akompani la lingvon de la t.n. *interna ideo* por gvidi la homaron al pli justa mondo.

Ankaŭ ĉi foje, la aŭtoro presentas antaŭ ni diversajn prelegojn kaj eseojn pri la graveco de la esperantismo cele al la homarunuiĝo, montrante ĉie ke temas pri la nuntempa defio de la mondo, kaj ke la evoluo de esperanto kaj de la homaro dependos de la sukceso aŭ malsukceso de la esperantistoj en tiu klopodo. Estas bona ideo kompili en ununura libro prelegojn, kiujn nun povos esti konataj de multe pli da personoj ol la ĉeestintoj en difinita evento.

La nuna verko estas facile legebla kaj malfacile strukturebla, pro la fakto ke temas pri kunligo de diversaj temoj kaj prelegoj, de malsamaj datoj kaj titoloj; kaj kvankam por la kutimaj legantoj de S-ro Moya multaj temoj jam estas konataj, (la celo al la universala civilizacio, la unuiĝo de la homaro, la homaranismo, la

esperantismo ktp.), tamen, povas esti interesa por ĉiuj, ĉefe por novaj esperantistoj.

Je la finaj paĝoj, la "prognozo de la esperantismo", estas nek triumfa nek optimisma, kontraŭe Esperanto stagnas. En la dudekunua jarcento la interna ideo kaj la homaranismo, kiel asertas la aŭtoro, "*restas nur en la strofoj de la Espero, kiu malofte kaj rutine estas kantata*", kaj li resumas la ideon montrante la vojon al klarigo de la esperantismo al neesperantista publiko, cele al la homarunuiĝo, per raciaj argumentoj. Do, la espero estas iam malfermita en la animo de la aŭtoro, kiu kuraĝigas nin "*ne resti izolitaj, malsupreniri en la arenon de la mondo, levi la standardon de la homarunuiĝo*"...

La prezento de la libro estas alloga, kaj ni devas danki, unu plian fojon, al Barcelona Esperanto Centro la penadon eldoni novan verkon montrante tiel la viglecon de sia agado, kaj nur ni devas plendi pri la diversaj preseraroj.

La enkonduko de S-ro Stefan Maul, tre prava, garantias la interesan enhavon.

Por la hispanaj kaj eksterlandaj esperantistoj, la libro estas aĉetebla rekte ĉe la Libroservo de BEC (Bassegoda 40, 3, 1; 08028 Barcelona, aŭ ĉe la Libroservo de S-ro Luis Serrano Pérez, Font Nova 32, Sabadell.

*M. R. Urueña*



## Kurioze

Historia universal de la escritura (Universala historio de la skribo)

Harald Haarmann (hispana versio, Jorge Bergua Cavero) Ed. Gredos

El área de influencia de la cultura escrita árabe (Pág. 529) (influareo de la arablingve verkita kulturo).

(...) Mientras que, desde la Antigüedad, la Biblia se ha seguido traduciendo a nuevas lenguas y se han consignado textos cristianos en una gran cantidad de sistemas gráficos, el árabe es la única lengua sagrada del Islam y la escritura árabe la única modalidad gráfica en la que se redacta literatura islámica. El Corán sólo es reconocido en su versión árabe original: entre los musulmanes estrictos, las traducciones al alemán, inglés u otras lenguas carecen de autoridad. Sólo una de las lenguas universales de creación artificial, el esperanto, se acepta como lengua de traducción. (...)

*Sendis Pedro Hernández Úbeda*

# Radikaluloj kaj la ministro



Radikala delegitaro renkontis la ministron pri Publika instruado, Letizia Moratti (dua de maldekstre sur la foto), sekve de letero sendita de Pannella kaj Pagano, kiu celis politikan opini-interŝanĝon pri la decido plifruigi instruadon de la angla lingvo ekde la unua klaso de la elementa lernejo.

La respondeculo de la Radikala partio pri la Kampanjo por la internacia lingvo, Giorgio Pagano, emfazis ke, per la Economist-a artikolo "*A world empire with other means*", la anglosaksoj mem evidentigas ne nur, ke la angla lingvo malfacilas —kion, aliflanke, nerekte pruvas la Registaro mem, plifruiginte du jarojn ĝian ekstudadon—, sed ankaŭ, ke trudado de la angla ekmanifestiĝas kvazaŭ kultur- kaj ekonomi-koloniado fare de la Usona koloso, damaĝanta eĉ la ceterajn anglalingvajn popolojn, kio okazas, ekzemple, ĉe Kanadaj anglalingvaj kultur-entreprenoj. Koloniado kiu —laŭ tiu prestiĝa angla semajna revuo— grave endanĝerigas la tutmondan lingvo- kaj kultur-diversecon.

Deirante de tiuj konsideroj, Pagano pledis, ke necesas la lingvo-merkaton liberaligi, unuavice alprenante Eŭropen la internacian lingvon (kio estas la esperantista solvo, menciita de *Economist* mem), kaj deprenante la rolon de globa komunikilo for de la angla, tiel, ke tiu ĉi denove konkurencu kun la ceteraj fremdaj lingvoj.

Konklude, Pagano asertis, ke, post la altrudo al la mondo de tute nova mono, la Eŭro, la sistemo "Eŭropo" daŭrigu sinrelanĉon, kaj ke Eŭro-lingvo estas determina faktoro kaj por al-ekstera sukceso kaj por kreskigo de interna komercado kaj de traeŭropa labormerkata movebleco.

Ministro Moratti memorigis, ke antaŭlonge ŝi publike evidentigis estingiĝo-riskon por minimume duono de la homa lingvar-riĉaĵo kaj agnoskis, ke, pro la nuntempa devigita senmoveco de la eŭropaj lingvo-politikoj kaj pro baldaŭa pliampleksiĝo de Eŭropo —malfacile regebla per la nuna lingvo-reĝimo— povus maturi la tempoj por aliro

"per-Internacilingva". Aliro kiu povus plenumi la postulon ebligi eŭropan kaj internacian komunikadon, samtempe gardante la lingvaron.

Tamen, la Ministro emfazis, ke, propranature, tia solvo alstrebendas tuteŭrope, naskante kulturan tiuteman debaton, nun malestan.

Ministro Moratti —tamen klarigante, ke tia Eŭrop-ampleksa engaĝiĝo nepre postulas antaŭkonsenton de la tuta Registaro— deklaris sin malferma, ankaŭ helpe de la Ĝenerala direkcio pri internaciaj rilatoj, gvidata de Giunta La Spada, al eventualaj iniciatoj aŭ projektoj -proponotaj de la radikaluloj- kiuj povus helpi "demalsupran" ekkonsciiĝon.

*Translimen*

## Eĥo

Radio Marbella elsendis 15-minutan rektan intervjuon telefone faritan al la Sekretario de HEF, Manolo Parra.

La principa sinteno de la parolistoj estis pozitiva, kaj la rezulto estis ŝajne bona kaj alloga. La motivo de la alvoko estis la freŝa notico de EFE pri la du esperantistoj el Tarragona, kiuj rondvojaĝis la mondon parolante esperanton.

*M. Zocato*




# Ĉirkaŭ la mondo en 80 tagoj

La katalunaj esperantistoj Manel Viñals kaj Joaquim Marcoval plenumis vojaĝon ĉirkaŭ la mondo en 80 tagoj, uzante nur surterajn aŭ surmarajn transportilojn, sed ne aviadilojn, kiel faris Phileas Fogg en la fama novelo de Julio Verne. La du aventuristoj ekiris el Londono la 19an Aŭgusto kaj revenis al la sama urbo la 6an Novembro, uzante kvar ŝipojn, unu el ili kargo-ŝipo, per kiu ili alvenis en Los Angeles, kaj grandan nombron da trajnoj, busoj kaj taksioj.

Pere de agentejo EFE, multaj hispanaj ĵurnaloj informis pri la novaĵo, aldonante la uzon de Esperanto laŭlonge de la tuta vojaĝo, kaj ankaŭ pri la alveno de la du esperantistoj al sia vilaĝo, La Sénia (Taragono). Cetere, oni povas legi, ankoraŭ nekompletan, esperant- kaj katalunlingvan raporton de la tuta vojaĝo en la reta ĵurnalo Vilaweb: *www.vilaweb.com/especials/rodamon*

*Darío Rodrígez*

# La Europaj Verduloj pri Esperanto

Dimanĉon, 19an majo 2002, la kongreso de la Europa Federacio de la Verdaj Partioj aprobis ĝeneralan rezolucion tre interesan por la esperantista mondo.

Danke al la prem-agado de la "espERAnto" Radikala Asocio:

— La irlandaj verduloj proponis al la ĝenerala kongreso du rezoluciojn pri la "media elstaraĵo" rilate al la detruado de la lingva ekosistemo.

— La itala delegacio proponis specialan rezolucion pri la Paderborna metodo.

Ambaŭ rezolucioj, fanditaj en ununura ĝenerala rezolucio, estis aprobitaj de la Kongreso. Jen ĝi:

Konsiderante ke "dum la venontaj 100 jaroj 90 elcentoj de la lingvoj en la mondo estos malaperintaj aŭ preskau malaperintaj", kiel avertis centoj da lingvistoj okaze de la 21a kunsido de la Rega Konsilantaro de UNEP (Programo de la Unuiĝintaj Nacioj por la Hommedio);

Konsiderante ĉi-rilate ke UNESKO mem, en la rezolucio pri plurlingveca eduko kiun akceptis la 30a Ĝenerala Konferenco, avertis "pri la aktuala minaco je lingva diverseco kiun kaŭzas la tutmondiĝo de komunikado kaj la emo uzi ununuran lingvon, riskante la almarĝenigon de la aliaj grandaj lingvoj de la mondo, aŭ eĉ kaŭzante la malaperon de la malpli uzataj lingvoj, interalie regionaj lingvoj.";

Observante ke "almenau 3000 el 6000 lingvoj estas endanĝerigitaj, grave endanĝerigitaj aŭ mortantaj en multaj mondopartoj", kiel agnoskis UNESKO mem dum la lasta Internacia Tago de la Patrina Lingvo kaj ke, laŭ la Ruĝa Libro de UNESKO pri Endanĝerigitaj Lingvoj, preskau 60% de la eŭropaj lingvoj estas rekte endanĝerigitaj;

Rememorigante ke Klaus Toepfer, la Administra Direktoro de UNEP, emfazis ke perdi lingvon kaj ĝian kulturan kuntekston similas bruligi unikan faklibron pri la natura mondo: "se ĉi tiuj kulturoj malaperos, ili kaj ilia intima interrilato kun la naturo estos perditaj por ĉiam", kaj

Atentigante ke laŭ la oficiala organo de UNESKO, "el la endanĝerigitaj plantaj kaj bestaj specioj de la mondo hodiaŭ, multajn konas sole iuj popoloj kies lingvoj estas formortantaj. Mortante, ili forprenas kun si ĉiujn tradiciajn sciojn pri la ekologio. En 1992 la Pintokunveno Tergloba de Rio starigis mekanismon por malhelpi malpliiĝintan biodiversecon. Jam nun venis la tempo por pintokonferenco de Rio por pritrakti lingvojn" (UNESKO-Kuriero, Aprilo 2000);




Konsciante, ke en la Raporto de la Koncilio de Eŭropo "La diverseco de lingvoj en la edukaj sistemoj de Membroŝtatoj" farita en 37 landoj, "oni konstatas tion, ke [nuntempe] en preskaŭ 4 landoj el 5, unu lingvo estas lernata fare de nombro da lernantoj pli multa ol la totala nombro da lernantoj kiuj lernas ĉiujn aliajn lingvojn", kaj Rememorante ke la Itala Ministrejo de Eduko, en la cirkulero 26/10-04-95 priskribis per la sekvantaj vortoj la tiel nomitan Paderbornan metodon por la instruado de fremdaj lingvoj: "la lingvoinstrua kvalito de la internacia lingvo montriĝas tre interesa (...): funkcianta kiel "lingva modelo," "mezurunuo" de lingvoj — por esti klara — lernite antaŭ iu alia fremda lingvo, ĝi faciligas - ŝparante tempon - la postan studadon de aliaj lingvoj" kaj deklaris ke "prepara studado de Esperanto estigis 25% plibonigon en alproprigon de la rusa lingvo, 30% por la germana, 40% por la angla, kaj eĉ 50% por la franca";

Rememorante ke la rezolucio, prezentita okaze de la Dua Kongreso de la Federacio, subtenanta "la starigon interne de la Eŭropa Parlamento de Komisio-

no por studi la diversajn solvojn de la problemo pri kiel parigi la sekurigon de la lingva ekologia sistemo kun ekonomia kaj demokratia komunikado, ne forlasante la hipotezon de adopto de Esperanto kiel eŭropa federacia lingvo", rezolucio kiun aprobis la Konsilantaro;

Asertas ke la anoncita malapero de 90% de la lingva heredaĵo de la homaro ne nur estas kultura katastrofo sed ankaŭ ekologia katastrofo kaj tial plene reprezentas krizon ekologian ;

Invitas al la Koncilio de Eŭropo, la Eŭropa Komisiono kaj la eŭropaj registaroj, ĉu aŭ ĉu ne membroj de la Eŭropa Unio, kunvoki kiel eble plej baldaŭ unuan interregistraran Konferencon pri la stato de la lingva ekologia sistemo de Eŭropo, kunlabore kun la civila socio, kaj precipe kun la eŭropa kaj translandaj partioj, asocioj kaj Neregistaraj Organizoj.

Instigas al ĉiu membropartio, la verdaj naciaj kaj eŭropaj Deputitoj kaj la verdaj ministroj ke ili subtenu tian Konferencon, kaj ankaŭ subtenu la starigon de Eŭropa Lingva Observatorio kiu konfirmu kaj kontrolu tiom, kiom la eŭropaj lingvoj pereas — kaj precipe la malpli disvastiĝintaj — en la lernejoj, en la socio kaj en la amaskomunikiloj.

Invitas al ĉiu membropartio, kaj interne de ili, al la Deputitoj en la nacia aŭ en la Eŭropa Parlamento kaj la membroj de aliaj regaj instancoj, kaj ankaŭ la verdaj ministroj, disvastigi al la Ministro de Eduko — kaj al la aliaj koncernaj institucioj — de sia lando la enhavon de la itala cirkulero kaj subteni eŭropan eksperimentadon kaj konfirmon grandskalajn de la Paderborna metodo.

Traduko de Mike Leon el Nova Zelando

*Transskribis Darío Rodríguez*



## OSIEK-premio 2002

En 2002 la OSIEK-anoj proponis 21 verkaĵojn premiindajn: ĉiuj estis prezentitaj en la junia numero de *La Gazeto*. La 26an de julio, dum la IEK en Leuven, Belgio, sekreta voĉdonado atribuis la premion al Krešimir Barkoviĉ pro traduko de *7000 tagoj en Siberio* de K. Ŝtajner.

La premion, 500 eŭr., rekompencas vivantan aŭtoron pro publikigita verkaĵo ne fikcia aŭ pro grava traduklaboro.

# Aserejé

Jen kanto kiu furoras en la tuta mondo. Kial ne en Esperantujo?

Vidu, venas tiu ulo
promenante ĉe l' angulo,
estas Diego rumbumonta
kun la luno en okulo
kaj kompleto el lazuro
estas li kontrabandonta.





Li eniras l' amasrondon
por dancadi ĝis la tombo,
posedata de la ritma ragatango.
Kaj diskludisto tre volonte
ludas himnon ĵus meznokte,
estas lia kara plej ŝatata kanto,
ĝin li dancas!!!
ĝin li ĝuas!!!
ĝin li kantaaaaaas!!!

*Aserehe' ha' de he'*
*de hebe tu de hebe re sebjunoŭva*
*mahabi an de bugi an de ŭididipi'.*
*Aserehe' ha' de he'*
*de hebe tu de hebe re sebjunoŭva*
*mahabi an de bugi an de ŭididipi'.*

Estas sorĉa ne hazardo
ke mi trovas lin sur strato
kiun mi kutime paŝas.
Diego kvazaŭ kapitano,
fanfaronas kun la gajo
rastafar-afrik-cigana.

Li eniras l' amasrondon
por dancadi ĝis la tombo,
posedata de la ritma ragatango.
Kaj diskludisto tre volonte
ludas himnon ĵus meznokte,
estas lia kara plej ŝatata kanto,
ĝin li dancas!!!
ĝin li ĝuas!!!
ĝin li kantaaaaaas!!!

*Aserehe' ha' de he'*
*de hebe tu de hebe re sebjunoŭva*
*mahabi an de bugi an de ŭididipi'.*
*Aserehe' ha' de he'*
*de hebe tu de hebe re sebjunoŭva*
*mahabi an de bugi an de ŭididipi'.*

* Oni prononcu "Diego"-n hispanece: t.e. "Dje-go"

*Tradukis: Manuel Pancorbo*

# Jarabonoj kaj kotizoj por 2003

**Boletín** de HEF (eksterlandaj abonantoj, enlandaj vidu sur la 32a paĝo) . . . . . . 28
RET-INFO (12 monatoj). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 19
✓ [P] HEF.
**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro (MG) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8
Individua Membro kun Jarlibro (MJ). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 20
Individua Membro plus abono al E-o (MA) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 50
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 32
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 19
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 100
✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto. [P] Pedro A. Garrote; Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid; Banco Español de Credito (BANESTO), Konto: 0030 6002 74 0000901271.
**KAE-Informilo** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6
✓ [P] Santiago Torné; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.
**La Gazeto** (ses numeroj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 27
**Heroldo de Esperanto**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 30
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28
**Internaciisto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25
**La migranto**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8
✓ [P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Banco Sabadell n-ro: 0081 0900 82 0006712480. (Por bank-ĉeko aldonu 1,5 EUR)
**Monato** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere, 41; rete, 21,60). . . . . . . . . . . 36
**La jaro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) . . . . . . . . . (aere, 29). . . . . . . . . . . 25
✓ [P]: Juan Azcuénaga, Gral Dávila, 127, portal 7, 2 I; 39007 Santander. Bankokonto: BBVA n-ro 0182 3800 33 0203548535
**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6
✓ [P]: Jesús de las Heras, Edif. N. Ronda 1; Av. Juan Carlos I, 24-2º-G; 30008 Murcia. Banko-konto: La Caixa, 2100 4455 71 0200022454.
**Sennaciulo** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . kotizo + abono 27,10 . . nura abono 30
✓ [P]: Pedro Hernández Úbeda; c/Sainz de Baranda, 44 - 3 D; 28009 Madrid; esperanto@mi. madritel.es; Caja Madrid, Konto: 2038 1787 40 6000178775

# Aniĝilo por 2003

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

- ❑ OM ordinara membro. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 28,00 EŬR
- ❑ kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25,20 EŬR
- ❑ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 56,00 EŬR
- ❑ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 56,00 EŬR
- ❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 23,00 EŬR

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*.
Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

- ❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
- ❑ Enspezo en konton 0182-2552-61-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
- ❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
- ❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:

Nombre y firma del titular:




**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

Valencio

15a ĝis 20a de julio 2003

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

ALIĜILO N-RO......
(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..................................................
Antaŭnomo: ..................................................
Naskiĝdato (2) ............................ HEF-numero ..............
Adreso..................................................
.......................................... Poŝtkodo ..............
Urbo......................................... Telefono ..............
Retadreso ................................... Faksilo ..............
(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 31-12-02 | ĝis 31-05-03 | poste |
|---|---|---|---|
| Membro de HEF (a MT) | 19 € | 22 € | 25 € |
| Ne membro | 23 € | 26 € | 29 € |
| Membro de grupo (pli ol 15 p.) | 15 € | 18 € | 21 € |
| Loĝejo | | ___ | ____ |
| Donaco | | | ____ |
| ENTUTE: | | | ____ |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 62a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..................................................

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31;
ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com




En la 10a Internacia Semajno sendube esence rolis la libroj






La nova poŝvortaro "2002" certe helpos por pli efika informado

## Amu vin. Regalu vin per libroj en Esperanto

15a de decembro
Esperanta
☆ libro-tago
(Zamenhof-tago)

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora